JARO IV • N.° 39ª Marto * 1907 *

# LA SUNO HISPANA ★



S-ro JOSEFO DE SEIJAS
Juĝisto, Prezidanto
de la Grupo Esperantista de Castellón de la Plana.



## 2.ª Universala Kongreso Esperantista en Ĝenevo

### Ĵaŭdo 30ª de Aŭgusto

Gi estis la tago definita por la ekskurso en la lago; kaj la 8ª matene estis la antaŭfiksita horo por enŝipiĝi en la *Winkelried,* belega ŝipo alportonta nin al Vevey. Gaje ornamita per svisaj kaj esperantaj flagoj, ĝi ricevas la kongresanojn, kiuj ĉiafoje alvenas pli kaj pli multaj. Ĉiu celas okupi la lokon, kiu al li ŝajnas plej oportuna. Kiam ĉesis tiu movado, ekglitas la ŝipo sur tiu blua akvo, je la akordsonoj de marŝkanto ludata de la orkestro «Estudiantina» kontraktita por amuzigi la ŝipveturon. Estas nepriskribebla la impreso sentata en tiuj momentoj. La tago estis belega kaj tial la vojaĝo estis plej agrabla. Tiuj okcent vojaĝantoj, kiuj plenigis la ŝipon, bezonis interkomuniki pri la bonaj impresoj ricevataj kaj tre baldaŭ neniu restis en sia unua loko, sed ĉiuj iris ĉiuflanken, kaj

### Jueves 30 de Agosto

Era el día señalado para la excursión por el lago y las ocho de la mañana la hora de cita para tomar el *Winkelried,* bonito vapor que nos había de llevar á Vevey. Alegremente empavesado con banderas suizas y esperantistas, va recibiendo á los congresistas, que cada vez acuden en mayor número. Cada cual procura acomodarse en el sitio que le parece más ventajoso. Cuando este movimiento hubo cesado, comienza el vapor á deslizarse por aquellas aguas azules á los acordes de la marcha que empieza la orquesta *Estudiantina,* contratada para amenizar el viaje. La impresión sentida en aquellos momentos no es para descrita. El día era hermosísimo, así que el viaje fué de lo más delicioso. Los 800 viajeros que llenaban por completo el vapor sentían la necesidad de comunicarse las bue-

okupis iajn ajn lokojn, kaj tio fariĝis bolanta interparolejo. La plej ĝenerala amuzo por junulinoj estis prezenti belajn albumojn al plej konataj esperantistoj por ke tiuj ĉi skribu en ili ian ajn penson. Tial fluge pasis tiuj kvar horoj da veturado.

Je la dekdua kaj kvarono albordiĝis la *Winkelried* ĉe la elŝipiĝejo de Vevey, kie atendis la Urbestraro kun la fanfaro «Lyre de Vevey» konsistanta el kvindek muzikistoj. Post la ĝentilaj salutoj, organiziĝis granda sekvantaro antaŭirata de la fanfaro kaj poste marŝis la Urbestraro kun D.ro Zamenhof, kaj la plej eminentaj esperantistoj, kaj sekvis la tuta anaro laŭ kvarpersonaj vicoj. La entuziasmo estis preskaŭ deliro, kiam ili trakuris la ĉefajn stratojn de la bela urbo meze de aklamoj, ĝis kiam ili alvenis en la hotelon «des Trois Couronnes», kie restis la duono de la sekvantaro, kaj la alia duono daŭrigis la marŝadon ĝis la hotelo «d'Anglaterre», ĉar kvankam grandaj, unu sola ne havis lokon por ĉiuj. En tiu, prezidis la festenon D.ro Zamenhof, en tiu ĉi S.ro de Beaufront. En la unua, parolis S.roj Von der Aa kaj Eŭg. Couvreu en nomo de la Vevey'a Urbestraro, dirante bonvenon al la kongresanoj. D.ro Zamenhof dankis. Poste parolis: S.ino Junck, D.ro Giovanni Cognasso, S.ro C. Bourlet, S.ro Cart, sinjoro Boirac, S.ro Bein. Fine la himno «La Espero» estis ludata de la muzikistoj kaj kantata entuziasme de la tuta stariĝinta ĉeestantaro. En la hotelo «d'Anglaterre» parolis. S.ro Lædermann en nomo de la Vevey'a Urbestraro; poste D.ro Hanauer kaj S.roj Nylen, Robin, Privat, kiu alportas saluton de la manĝantoj en la hotelo «des Trois Couronnes», kaj Beaufront, kaj fine F.ino Zabilon d'Her toastas por la esperantistinoj kaj aparte por la unua franca esperantistino, F.ino A. Roux, ĉeestanta.

nas impresiones que iban recibiendo, y muy pronto nadie conservó su puesto, sino que yendo de aquí para allá, todos los sitios eran de todos, convirtiéndose en un hervidero de animadas conversaciones. Uno de los entretenimientos más generales fué el presentar individualmente las pollas bonitos álbums á cada uno de los esperantistas más salientes, para que en ellos dejase consignado un pensamiento. Por eso pasaron como soplo las cuatro horas que duró el viaje.

A las doce y cuarto se acercaba el *Winkelried* al embarcadero de Vevey, donde esperaba el ayuntamiento con la banda de música «Lyre de Vevey», compuesta de cincuenta plazas. Después de las frases de cortesía, organízase un gran cortejo con la música á la cabeza, siguiendo el ayuntamiento con el Dr. Zamenhof y las eminencias del esperantismo, y á continuación toda la masa de congresistas, ordenados de cuatro en cuatro. Aquella columna parecía interminable. El entusiasmo rayaba en delirio cuando recorrieron las principales calles de la hermosa población en medio de aclamaciones, hasta llegar al hotel de las «Tres Coronas», donde quedó la mitad, y la otra siguió su marcha hasta el hotel de Inglaterra, pues con ser tan grandes no había local para contenerlos á todos. Allí presidió el banquete el Dr. Zamenhof, aquí el Sr. Beaufront. En el primero hablan los Sres. Von der Aa y Eŭg. Couvreu, en nombre del ayuntamiento de Vevey, dando á los congresistas la bienvenida. Da las gracias el Dr. Zamenhof. Después hablan la Sra. Junck, el doctor Giovani Cognasso, Sr. C. Bourlet, señor Cart, Boirac, Bein. Por fin la orquesta entona el himno «La Espero», que es cantado con todo entusiasmo por todos los presentes, puestos en pie. En el Hotel de Inglaterra hablan: el Sr. Loedermann, en nombre del ayuntamiento de Vevey; después el Dr. Hanauer, el señor Nylen, Sr. Robin, Sr. Privat, que lleva un saludo de parte de los esperantistas del hotel «Tres Coronas», el Sr. Beaufront, y finalmente la Srta. Zabilón brinda por las esperantistas y en especial por la pri-

Post la festeno, denove kuniĝas la esperantistoj en la ĝardeno de la hotelo «des Trois Couronnes», sur la bordo de la lago, kie la «Lyre de Vevey» ludas la popolan kanton titolitan *Ranz des Vaches*, mirinde kantata de S.ro Castella.

Sed estis jam tempo por revojiri kaj la ekskursistoj ekiras al ŝipo kaj meze de la plej koraj salutoj, per manoj kaj poŝtukoj, de la restantoj kaj forveturantoj, tuj ĉi debordiĝas malgaje de tiu urbo, kiu tiel gasteme akceptis ilin. Aliaj kvar horoj da vojaĝado... ĉu kredas niaj legantoj, ke la vojaĝantoj enuis? Tute ne. Unuflanke la orkestro kaj aliflanke la gajeco de la esperantistaro faras el longa vojaĝo plezuran momenton. Ĉiuloke la interparoloj varmiĝis, interparoloj inter diversnacianoj. Niaj amikoj, la hispanaj kongresanoj, ĉiam memoros tiun belan vojaĝon, dum kiu ilin tiom honoris kaj ĝentile traktis la aliaj ĉiunaciaj esperantistoj.

Jam noktiĝis, kiam la ekskursistoj alvenis Ĝenevon, kaj post la elŝipiĝo ili ordiĝis laŭ du longaj vicoj inter kiuj pasis la ceteraj por ankaŭ ordiĝi, tiamaniere, ke D.ro Zamenhof, kiu estis unu el la lastaj, trapasis meze de ĝeneralaj aklamoj.

## Vendredo 31a de Aŭgusto

Je la naŭa jam estis plena la ĉambro «Aula» de la Universitato. Tuj estis komencota la 2.a labora kunsido de la Kongreso. Sur la nigra tabulo oni legas la sekvantan tagordon: Protokolo.—Leteroj ricevitaj.—Esperantaj konsulejoj.—Centra oficejo.—Loko de la 3a Kongreso.

Post malfermo de la kunsido, sinjoro Chavet legas la protokolon de la antaŭa, kiu estas unuanime aprobita. Poste si-

mera esperantista francesa Srta. A. Roux, que está allí presente.

Acabado el banquete, vuelven á reunirse los esperantistas en los jardines del hotel «Tres Coronas», situados á la orilla del lago, donde la «Lyre de Vevey» tocó el canto popular titulado *Ranz des vaches*, cantado admirablemente por el Sr. Castella.

Pero ha llegado ya la hora de partir y los excursionistas se dirigen al vapor, y entre los más cariñosos saludos cruzados con manos y pañuelos entre los que se van y los que se quedan, ven aquéllos alejarse con cierto sentimiento aquella población que tan obsequiosamente les había recibido. Otras cuatro horas de viaje. ¿Creen nuestros lectores que nuestros viajeros van á aburrirse? Nada de eso. Por una parte la orquesta y por otra lo alegre de la gente esperantista, convierten un largo viaje en un breve y delicioso rato. Las conversaciones se animan por todos lados, conversaciones entre individuos de diferentes naciones. Nuestros amigos los congresistas españoles guardarán eterna memoria de aquel hermoso viaje en que tanto honor y cariñosa deferencia les otorgaron los de todas las demás naciones.

Era de noche cuando los excursionistas llegaron á Ginebra, y al desembarcar fueron formando dos largas filas, por en medio de las cuales iban pasando los congresistas y agregándose á la formación, de tal modo que el Dr. Zamenof, que fué de los últimos, tuvo que recorrerla toda en medio de las aclamaciones generales.

## Viernes 31 de Agosto

A las nueve se encontraba ya lleno el salón «Aula» de la Universidad. Iba á comenzar la segunda sesión de trabajos del Congreso. Sobre la pizarra se lee la siguiente orden del día: Acta.— Cartas recibidas.—Consulados Esperantistas.—Oficina Central.—Lugar del tercer Congreso.

Abierta la sesión, el Sr. Chavet lee el acta de la anterior, que es aprobada por unanimidad. Después el Sr. Moch lee

njoro Moch legas multajn leterojn kaj telegramojn ricevitaj. S.ro Aimé legas raporton de la Organiza Komitato pri la kreo de Esperantistaj Konsulejoj. La Kongreso tuj akceptas: 1e En ĉiu loko de la mondo, kie ekzistas esperantistoj, estu elektata unu riprezentanto; 2e Tiu riprezentanto estos devigata bone respondi al la demandoj al li senditaj kaj subteni per konsilo aŭ agado ĉiun sin turnantan al li skribe aŭ parole. 3e Tiu riprezentanto estos nomata Konsulo en tiuj landoj, kies leĝoj tion permesos; en la aliaj oni elektos nomon plej taŭgan laŭ opinio de la tieaj esperantistoj. Ankaŭ oni rekomendis: 1e Ke oni elektu konsulejojn plibone ol konsulojn, tio estas, ke tia titolo estu prefere donata al personoj, kiuj havas komercon aŭ industrion kaj tial oficistojn por ke oni estu certa ke ĉiam estos iu dome por respondi. 2e Ke la konsulejoj estu montrataj sur la strata facado, per blazonŝildo verda kun blanka angulo portante la verdan stelon kaj surskribon: *Esperantista Konsulejo.*

muchas cartas y telegramas recibidos. El Sr. Aimé lee una relación de la comisión organizadora sobre la creación de Consulados Esperantistas. El Congreso aprueba desde luego: 1.º Que en toda población donde haya esperantistas, sea nombrado un representante. 2.º Este representante tendrá la obligación de responder buenamente las preguntas dirigidas á él y de atender con consejos ó de obra á todo aquel que á él se dirija por escrito ó de palabra. 3.º Este representante se llamará Cónsul en aquellos países donde las leyes de la nación lo consientan; donde no, se les dará el nombre que parezca más adecuado, á juicio de los esperantistas de dicho país. Además se recomienda: 1.º Que se escojan Consulados mejor que Cónsules, es decir, que este título se dé á personas que tengan algún establecimiento comercial ó industrial y por lo tanto dependientes, para tener la seguridad de que siempre queda alguien en casa para responder. 2.º Que los Consulados estén de manifiesto en la fachada que da á la calle por medio de un escudo de fondo verde, con un cuartel blanco con la estrella verde y una inscripción: *Consulado Esperantista.*

S.ro Chavet legas poste resumon de alia raporto pri la fondo kaj organizo de la Esperantista Centra Oficejo, kiun niaj legantoj povos legi en la libro de Kongresa Dokumentaro. Post la legado, sinjoro de Beaufront proponas danki la Centran Oficejon por la helpo, kiun ĝi donis al la Esperantistaro.

El Sr. Chavet lee después el resumen de otra relación sobre la fundación y organización de la *Oficina Central Esperantista*, que nuestros lectores podrán leer en el libro de Documentos del Congreso. Acabada la lectura, el Sr. Beaufront propone dar las gracias á la oficina central por los servicios prestados al esperantismo.

Kolonelo Pollen, prezidanto de la «British Esperanta Association» proponas ke la tria Kongreso de Esperanto okazu en Anglujo kaj eble en Cambridge. Post iom da diskuto, la Kongreso decidis: 1e La tria Kongreso okazos en Anglujo. 2e Ĝi okazos en negranda urbo. 3e La anglaj samideanoj elektos mem la plej taŭgan urbon por ĝi. Laŭ propono de la Angloj la 3a Kongreso okazos en Cambridge en la 2a semajno de Aŭgusto 1907.

El coronel Pollen, presidente de la «Asociación Esperantista Británica», propone que el tercer Congreso de Esperanto tenga lugar en Inglaterra, y tal vez en Cambridge. Después de algo de discusión, el Congreso decide: 1.º Que el tercero tenga lugar en Inglaterra. 2.º Que sea en ciudad no muy grande. 3.º Que se deje á los esperantistas ingleses la elección de la ciudad más á propósito. Puestos éstos de acuerdo, el tercer Congreso tendrá lugar en Cambridge, en la segunda semana de Agosto de 1907.

Post tio, sinjoro Prezidanto legis lete-

Después de esto el señor presidente

ron ricevitan el la Vatikano de pastro Peltier, direktoro de «Espero Katolika». Tiu ĉi letero estas skribita de la sekretario mem de la Papo al Lia Sinjora Moŝto Luiĝi Giambene, vicprezidanto de la Roma Grupo Esperantista, kiu ĝin tradukis kaj sendis Ĝenevon. Jen ĝi estas:

«Tre respektinda sinjoro: Mi ricevis la honoran komision sciigi al vi, ke la Sankta Patro favoranime kaj kun speciala plaĉo bonvolis akcepti la aperintajn numerojn de la revuo «Espero Katolika», kiujn vi humile prezentis al li je la nomo de l' Pastro Emilo Peltier. Bonvolu, Via tre Respektinda Moŝto, konigi al la nomita Pastro la Papan plaĉon kaj komuniki la Apostolan Benon, kiun Lia Sankta Moŝto donis al li kaj al la redaktoroj de la Revuo. Plenuminte la ricevitajn ordonojn, kun la sentoj de grandega estimo mi diras min de via Respektinda Moŝto tre sindona servanto, *Giovanni Bressau.*»

Tiu ĉi letero legata de protestanta pastro ricevis varman aplaŭdadon. Sinjoro Bourlet diris, ke kvankam li estas liberpensulo li juĝis tiun dokumenton tre grava kaj petis diskonigi ĝin plej eble, ĉar ĝi estas nova pruvo de la neŭtraleco de Esperanto, kaj peni ricevi tian aprobon de estroj de aliaj religioj.

S.ro Privat fine difinas horojn por la diversaj specialaj kunsidoj. Pastro Guinart ĉeestis, tiun de instruistoj kaj profesoroj, kaj poste tiun de katolikoj, kie li parolis pri la nuna stato de Katolikismo en Hispanujo. S.ro Ayza ĉeestis tiun de matematikistoj kaj poste tiun de militistoj, por kiu li estis elektata prezidanto.

Oni pasigis la liberan tempon vizitante la muzeon «Ariana», kiu estas en bela kastelo ĉirkaŭata de grandega parko, apud la lago.

Je la 8a kaj duono vespere komenciĝis en la teatro de la «Amikoj de la Instruado, la dua teatro festo, sed ne estis tie ĉiuj esperantistoj, ĉar multaj estis en la «Aula» de la Universitato aŭdante la

lee una carta recibida del Vaticano por el abate Peltier, director de *Espero Katolika.* Esta carta está escrita por el mismo secretario del Papa al Sr. Luis Giambene, vicepresidente del Grupo Esperantista de Roma, el cual la tradujo y la envió á Ginebra. Dice así:

«Muy respetable Monseñor: He recibido el honroso encargo de comunicar á usted que Su Santidad ha tenido á bien aceptar los números publicados de la revista *Espero Katolika* á él humildemente presentados por usted en nombre del sacerdote Emilio Peltier. Tenga usted la bondad, Rdmo. Monseñor, de participar á dicho sacerdote la complacencia del Papa y comunicarle la Bendición que Su Santidad ha otorgado á él y á los redactores de la revista. Habiendo dado cumplimiento á las órdenes recibidas, con los sentimientos de grandísima estimación me ofrezco de vuestra reverencia muy humilde servidor, —*Giovanni Bressau.*»

La lectura de esta carta por un pastor protestante arrancó delirantes aplausos. El Sr. Crourlet dijo que, á pesar de ser él librepensador, conceptuaba este documento de la mayor importancia, y que suplicaba á todos los presentes le diesen toda la publicidad posible, porque este hecho hablaba muy alto en pro de la neutralidad del Esperanto; que era conveniente recabar algo semejante de los jefes de otras iglesias.

El Sr. Privat señala por fin las horas de las diferentes sesiones especiales. El P. Guinart asiste á la de educadores y maestros y después á la de los católicos, donde toma la palabra para hablar del estado del catolicismo en España. El señor Ayza asiste á la de matemáticos y después á la de los militares, donde es elegido presidente.

El tiempo libre se pasó visitando el Museo Ariana, que está en un hermoso castillo rodeado de inmenso parque, cerca del lago.

A las ocho y media comenzaba en el teatro de los «Amigos de la Instrucción» la segunda función de teatro; pero no estaban allí todos los esperantistas, había gran parte en el «Aula» de la Universi-

paroladon de S.ro Michaux, ankaŭ aŭskultatan de multaj ĝenevanoj.

Post la kantoj, kaj komedioj ludataj komenciĝis la balo kun naciaj kostumoj. Ĉar la salono ne estis sufiĉe granda, la nedancantoj supreniris sur superan galerion kaj restis en la salono multaj personoj ornamitaj per riĉaj kostumoj de diversaj landoj kaj aliaj elegante laŭmode vestitaj. Tiu estis la unua fojo, kiam doktoro Zamenhof elmontris publike la ordensignon de la Honora Leĝio, per kiu lin honoris la antaŭan jaron la Franca Registaro.

### Sabato 1ª de Septembro

Oni malfermas la kunsidon en la «Aula» de la Universitato je la 10ª kaj duono. S.ro Chavet legas la protokolon de la antaŭa kaj post kelkaj rimarkoj ĝi estas korektita kaj aprobita de ĉiuj kongresanoj. Poste S.ro Boirac raportas pri la Lingva Komitato. Li komencas de ĝia fondo kaj poste raportas ĉiujn ĝiajn laborojn. La publiko entuziasme aplaŭdas lin, ĉar S.ro Boirac parolas tre bone kaj klare. D.ro Zamenhof sciigas, ke estas definitive elektitaj la prezidanto kaj ceteraj membroj de la Lingva Komitato. S.ro Boirac dankas la doktoron por lia granda atesto de konfido al la Lingva Komitato. S.ro Schneeberger proponas, ke oni leviĝu por tiel honore memori du membrojn de la Komitato mortintajn dum la pasinta jaro. (*Ĉiuj leviĝas.*) Kaj post kiam parolis aliaj kongresanoj pri diversaj aferoj, finiĝis la kunsido je la dekdua.

*Ferma kunsido de la Kongreso.*—La kunsido estas malfermata je la tria kaj tri kvaronoj. Post legado de la protokolo de la antaŭa kunsido, S.ro Mudie prezentas rimarkon pri ĝi kaj poste sciigas, ke F.ino Zabilon ricevis tiun matenon 300 frankojn por la blinduloj. (*Varmaj aplaŭdoj.*) S.ro Moch diras, ke estas proponitaj por la Internacia Organiza Komitato de la tria Kongreso S.roj Sebert, Michaux,

dad oyendo el discurso del Sr. Michaux, al cual asistieron también muchos ginebrinos.

Después de los cantos y comedias representadas, empezó el baile con trajes nacionales. Como el salón no era bastante capaz, los que no habían de tomar una parte activa subieron á las galerías altas, y quedaron en el salón muchas personas engalanadas con ricos trajes de diferentes países con otras elegantemente vestidas á la moda. Fué la primera vez que el Dr. Zamenhof ostentó en público la condecoración de la Legión de Honor con que le honrara el año anterior el Gobierno francés.

### Sábado 1.º de Septiembre

En el «Aula» de la Universidad ábrese la sesión á las diez y media. El señor Chavet lee el acta de la anterior, y después de ponerle algunos reparos es corregida y aprobada por todos los congresistas. Después el Sr. Boirac pronuncia un discurso sobre la comisión de la Lengua. Comienza por su fundación y relata después todos sus trabajos. El público le aplaude con entusiasmo, porque el Sr. Boirac habla muy bien y con mucha claridad. El Dr. Zamenhof declara que son elegidos definitivamente el presidente y demás miembros del Comité Lingüístico. El Sr. Boirac da las gracias al doctor por la muestra de confianza dada al Comité de la Lengua. El señor Schneeberger propone que todos se levanten para honrar con ella la memoria de dos miembros del Comité que han muerto durante el pasado año. (*Todos se levantan.*) Y después de hablar varios congresistas sobre diferentes asuntos, se termina la sesión á las doce.

*Sesión de clausura del Congreso.*—Se abre la sesión á las tres y tres cuartos. Tras la lectura del acta de la sesión anterior, el Sr. Mudie hace sobre ella una observación, y después comunica que la Srta. Zabilón había recogido por la mañana 300 francos para los ciegos. (*Grandes aplausos.*) El Sr. Moch dice que han sido propuestos para la Comisión Internacional Organizadora del tercer Con-

Schneeberger, Mybs, Hanauer, Mudie kaj Moch kiel sekretario. Krom tiu ĉi ekzistos alia en Anglujo. Post diskutado de kelkaj proponoj, kiuj ne estas akceptataj S.ro Moch proponas, ke la Kongreso esprimu dankon al la diversaj komitatoj kaj societoj, kiuj helpis al ĝia sukceso, kaj ankaŭ al la gazetaro, kiu tre simpatie kaj detale raportis pri ĝiaj laboroj. (*Varmegaj aplaŭdoj.*)

S.ro Moscheles, anglo, sentas sin feliĉa, ke la tria Kongreso okazos en Anglujo kaj al la kongresanoj li diras: «Ĝis la revido!»

Suprenirinte la estradon, parolas sinjoro de Beaufront: «Karaj amikoj, li diras, mi ne parolos longe, ĉar vi estas lacaj kaj mi estas lacega. Hieraŭ, en la posttagmezo, laŭ lia diziro kaj mia, mi vizitis sur la monto Saléve la eminentan S.ron Naville, unu el la vivantaj gloroj de l'belega lando, kiu nin akceptas tiel kore, tiel amike. Mi portis al li la saluton de nia Majstro, la saluton de la Kongresa komitato, la saluton de vi ĉiuj kun la mia. Li ripetis al mi sian intereson por nia entrepreno, sian admiron por la verko de nia kara Majstro, sian simpation por ni ĉiuj. Fine, komisiinte al mi sian saluton por la Kongreso, li diris, ĉe la momento de mia foriro: «Nun ni interkisu nin frate!» kaj li kisis min dufoje. Ĉar mi ne povas konservi por mi sola tiun ĉi duoblan kison, mi tre respekte petas nian karan Majstron permesi, ke mi transdonu ĝin al li, kaj per li al la tuta Esperantistaro...» Tiam D.ro Zamenhof kaj S.ro de Beaufront kore kisas unu la alian kaj brusto ĉe brusto restas kelkajn momentojn en varma ĉirkaŭpremo. La entuziasmo de la kongresanoj ne povis esti pli granda, aklamante en komuna ovacio la kreinton de Esperanto kaj la unuan francan pioniron.

Post kiam la silento refariĝis, S.ro Privat donas kelkajn instruojn pri la solena fermo de la Kongreso. Fine, la prezidanto fermas tiun ĉi lastan kunsidon de la Kongreso, dankas la kongresanojn kaj ilin invitas veni multope tiun vesperon

greso los Sres. Sebert, Michaux, Schneeberger, Mybs, Hanauer, Mudie, y Moch como secretario. Además de ésta existirá otra en Inglaterra. Después de discutir sobre varias proposiciones que no son aceptadas, el Sr. Moch propone que el Congreso exprese su gratitud á los diversos Comités y Sociedades que han contribuído á su mayor éxito, lo mismo que á la prensa, que con gran simpatía y lujo de detalles ha referido sus trabajos. (*Estruendosos aplausos.*)

El Sr. Moscheles, inglés, se llama feliz porque el tercer Congreso será en Inglaterra. Dirigiéndose á los congresistas, dice: «Hasta la vista.»

Habla el señor de Beaufront, habiendo subido al estrado: «Queridos amigos, dice, no seré largo, pues estáis cansados y yo cansadísimo. Ayer tarde visité en el monte Saléve al eminente Sr. Naville, una de las vivientes glorias del hermoso país que tan cordialmente nos acoge. Le llevé el saludo de nuestro Maestro, el de todos vosotros. Él, después de manifestar sus grandes simpatías por nuestra causa, por fin, al encargarme un saludo para el Congreso, dijo cuando me marchaba: «Ahora besémonos fraternalmente», y me besó dos veces. Puesto que yo no puedo conservar para mí solo este doble beso, pido respetuosamente á nuestro querido Maestro me permita transmitírselo, y en él á todos los esperantistas». Entonces el Dr. Zamenhof y el señor Beaufront se besan cordialmente, y permanecen un momento pecho contra pecho en íntimo abrazo. El entusiasmo de los congresistas no pudo ser mayor, aclamando con una misma ovación al creador del Esperanto y á su primer campeón en Francia.

Restablecido el silencio, el Sr. Privat da instrucciones sobre la solemne clausura del Congreso. Por fin el presidente cierra esta última sesión del Congreso dando las gracias á los congresistas é invitándoles á que acudan aquella noche

en la *Victoria Hall*. (*Aplaŭdado, krioj: Vivu Schneeberger!*)

La solena fermo de la Kongreso okazis en la luksa kaj vastega koncertĉambro «Victoria Hall», kie okazis la malfermo. Per afiŝoj oni senpage invitis ĉiujn ne-kongresanojn, kiuj volus ĉeesti; tial ĉiujn loĝiojn kaj galeriojn plenigis la publiko.

Je la akordsonoj de la orgeno, eniras D.ro Zamenhof sur la estradon, sekvata de la membroj de la diversaj komitatoj kaj naciaj delegitoj. Aplaŭdoj kaj aklamoj tiel kutime. S.ro Schneeberger, prezidanto, parolas unue kaj diras: «Ni jam estas je la fino de nia Kongreso. Ĉio pasis en paco por la bono de nia afero. Ni havis mil okazojn por gaje interparoli kiel fratoj kaj per tio ni montris ke arta lingvo taŭgas por interrilatoj inter diversnaciaj homoj. En Boulogne oni fiksis la netuŝeblecon de la lingvo; en Ĝenevo ĝian neŭtralecon. La afero eliras nun el propaganda stato. Venis en la Kongreson diversaj specialistoj, kiuj uzis Esperanton por sciencaj kaj aliaj praktikaj celoj». Li denove dankas Ĝenevon, kongresanojn, societojn kaj komitatojn; kaj fine salutante la doktoron, li diris: «nun, ni disiru en niajn landojn, kaj post kelktaga ripozo, ni rekomencu nian propagandan laboron».

Dum la aplaŭdoj, kvar svisinoj en kostumo nacia, alportas al la Majstro belegan kronon el laŭro, kun montaj floroj kaj ruĝblanka rubando (svisaj koloroj) kun la jena surskribo de oraj leteroj: «Al la glora Majstro D.ro Zamenhof, la Svisaj Samideanoj». La belaj sonoj de la orgeno kunmiksiĝas kun la bruo de la aplaŭdoj kaj krioj: *Vivu Zamenhof!* Sinjoro Paul Loyson, juna poeto, deklamas belan francan odon dediĉitan al D.ro Zamenhof. Tuj, S.ro Moch publikigas resume la Kongresajn konkludojn kaj redankas la precipajn helpantojn de la Kongreso

en gran número á *Victoria Hall*. (*Grandes aplausos. Gritos: ¡viva Schneeberger!*)

La solemne clausura del Congreso tenía lugar en el lujoso y vastísimo salón de Conciertos «Victoria Hall», donde se verificó la apertura. Por medio de carteles se había invitado gratis para este acto á todos los no congresistas que quisieran acudir; así es que todos los palcos y galerías quedaron repletos de público.

A los acordes del órgano entra el Dr. Zamenhof en el estrado, seguido de los diferentes miembros de las comisiones y delegados de las naciones. Los aplausos y aclamaciones, como de costumbre. El Sr. Schneeberger, presidente, habla el primero diciendo: «Estamos ya en el fin de nuestro Congreso. Todo ha ocurrido en paz para el bien de nuestra causa. Hemos tenido mil ocasiones para conversar alegremente como hermanos, y con ello hemos demostrado que la lengua artificial sirve para comunicarse hombres de diferente nacionalidad. En Boulogne se fijó la intangibilidad de la lengua. En Ginebra, su neutralidad. El asunto sale ahora del estado de propaganda. Han acudido al Congreso diversos especialistas, que han aplicado el Esperanto á las ciencias y á otros fines prácticos». Da las gracias de nuevo á Ginebra, á los concurrentes al Congreso, á las sociedades y comisiones, y por fin, saludando al doctor, dice: «Ahora vayamos cada cual á nuestro país, y después de algunos días de reposo empecemos de nuevo nuestros trabajos de propaganda.»

Mientras aplauden, cuatro jóvenes suizas, con traje del país, presentan al Maestro hermosísima corona de laurel con flores del monte y una cinta roja y blanca (colores de Suiza), que lleva en letras de oro la inscripción: «Al glorioso Maestro Dr. Zamenhof, los esperantistas suizos». Los hermosos sonidos del órgano se mezclan con el ruido de los aplausos y de los gritos *¡viva Zamenhof!* El Sr. Pablo Loyson, joven poeta, declama una hermosa oda en francés dedicada á Zamenhof. En seguida el Sr. Moch publica en resumen las conclusiones del

kaj la kompaniojn fervojajn, kiuj faris rabaton da 50 %. Poste parolas kolonelo Pollen, kiu estas tre aplaŭdata pro siaj amuzaj frazoj.

Stariĝas D.ro Zamenhof, kiu sentas sin emocia. Tial, li diras, ke li parolos mallonge kaj malbone. Li dankas ĉiujn, kaj esperas, ke ĉiuj restos fidelaj al la standardo kaj daŭrigos disĵetante ĉien la esperantan semon. Li esperas, ke en la venonta Kongreso en Anglujo estos tiom da entuziasmo kiom en Ĝenevo, ke tie oni rikoltos pli da fruktoj kaj estos en multe pli granda nombro. «Nun, li diras fine, la laboroj de la Kongreso finiĝis, kaj mi anoncas, ke la dua Kongreso esperantista estas fermita». Tiam ĉiuj kongresanoj stariĝis kaj aplaŭdis tiun ĉi lastan paroladeton de D.ro Zamenhof. La orgeno ludas la himnon «La Espero» kaj ĉiuj ĝin ĥore kantas per majesta malrapideco, laŭ muziko de S.ro de Ménil malavare disdonitaal ĉiuj kongresanoj. Sceno granda, neforgesebla, vera triumfa apoteozo de nia glora Majstro.

Tuje, ĉe la estrado jam malplena oni streĉis grandan tukon por projekcioj, kaj senlume, komencas komandanto Lemaire sian paroladon pri Mez-Afriko, kun belaj lumaj projekcioj. Kvankam iom longa, ĝi estas ĉarma kaj tre interesa.

Kiam finiĝis tiu laboro, D.ro Leono Zamenhof deklamas belegan versaĵon dediĉita al tuj disirontaj kongresanoj.

La morgaŭan tagon, dimanĉon, okazis en la preĝejo Saint-Francois meso por katolikoj, kiun faris nia kara kunbatalanto Pastro Guinart, kaj esperante predikis Abato Peltier. Ni ne priskribas detale tiun ĉi feston, nek ankaŭ la ekskurson faritan de la plimulto de la kongresanoj dum tri tagoj, tra Svisujo, por ne ĝeni plu niajn legantojn.

Congreso y da de nuevo las gracias á los principales fautores del Congreso, entre ellos á las compañías ferroviarias que concedieron la rebaja del 50 por 100. Después habla el coronel Pollen, que es muy aplaudido por sus frases divertidas.

Levántase el Dr. Zamenhof, que se siente emocionado; por eso dice que hablará poco y malo. Da las gracias á todas las entidades, y espera que todos permanecerán fieles á la bandera y seguirán esparciendo en todas partes la semilla del Esperanto. Espera que en el futuro Congreso en Inglaterra habrá el mismo entusiasmo que en Ginebra, que allí se recogerá mayor fruto y habrá mayor concurrencia. «Ahora, dice por fin, los trabajos del Congreso han concluído, y declaro que está cerrado el segundo Congreso Universal Esperantista.» Entonces todos los congresistas, puestos de pie, aplauden este último discursito del doctor. El órgano entona el himno «La Espero» y todos lo cantan á coro con pausada majestad, según la música del señor Menil, repartida generosamente entre todos los congresistas. Acto solemnísimo, inolvidable, verdaderamente apoteosis triunfal de nuestro glorioso Maestro.

Acto continuo, despejado el estrado, tendido un gran lienzo para las proyecciones y apagada la iluminación, comienza el comandante Lemaire su discurso sobre el Africa Central, con hermosas proyecciones. A pesar de ser algo largo, resulta ameno y altamente curioso.

Concluído este trabajo, el Dr. León Zamenhof pronuncia una hermosa poesía en Esperanto, dirigida á los congresistas á punto de marchar.

Al día siguiente, domingo, tuvo lugar en la parroquia de San Francisco una misa para los católicos, que celebró nuestro querido compañero el P. Antonio Guinart, con sermón en Esperanto por el abate Peltier. No describimos detalladamente esta fiesta ni tampoco la excursión hecha colectivamente por gran parte de los congresistas durante tres días á través de Suiza, para no ser más molestos á nuestros lectores.

# Sciigoj

**Francujo.**—

La morto de nia kara blinda kunbatalanto D.ro E. Javal, ano de la franca medicina Akademio, alportis al ni grandan doloron.

Esperanto perdis unu el siaj plej kuraĝaj pioniroj; ni perdis amantan fraton ĉiam pretan doni malavare sian subtenon materialan aŭ moralan; la mondo perdis bonan homon, en la plena senco de la vorto.

Ni memoru ĉiam liajn agojn, kaj penu ilin imiti. Tial ni inde honoros nian neforgeseblan amikon!

Nia superkolego «Tra la la Mondo» en sia Februara numero, kiel ĉiuj bonega, enpresas sub la titolo «Aferoj teatraj» improvizaĵojn de F. Flores García kaj la portretojn de tiu ĉi sinjoro kaj de la traduktinto de lia verko nia kara samideano S.ro A. López Villanueva. Ni dankegas al nia estimata kunbatalanto tiajn montrojn de simpatio al la hispanaj aferoj.

En Parizo kaj aliaj francaj urboj oni organizas societojn esperantistajn sub la titolo «La barĉo» [1] kies celo estas la kunveno de siaj membroj kelkajn fojojn ĉiujare por kune manĝi, parolante nur en Esperanto.

**Anglujo.**—La tre grava kaj konata esperantisto kolonelo Pollen sur vaporŝipo «Marmora» dum la marveturado el Malto al Port-Said paroladis pri Esperanto. Liaj reĝaj moŝtoj la gedukoj de Connaŭght, lia moŝto la landestro [2] de Radhanpur kaj aliaj kaj eminentuloj kaj kleruloj ĉeestantaj, gratulis S.ron Pollen kaj multaj el ili aliĝis al Esperanto. La citita landestro kies nomo estis Muhammad Ŝer Ĥano Bati jam estas esperantisto kaj li bonege parolis pri la afableco de la Svisaj kaj Anglaj esperantistoj dum sia vojaĝado tra la nomitaj landoj.

1 *Barĉo*=especie de sopa rusa.
2 Landestro=rabab?

**Germanujo.**—«Eĥo Esperantista» monata aldono de la grava gazeto «Echo» de Berlin'o, enhavas en ĝia 8a numero portreton de nia estimata direktoro. Ni dankegas tian montron de estimo al li, kaj al nia humila publikigado, kaj eĉ de konsidero al nia kara patrujo kie esperanto tiel fortike pli kaj pli enradikas.

**Danujo.**—En Kopenaĝo okazos internacia ekspozicio pri revuoj kaj ĵurnaloj. Tiu estos okazo por montri la gravecon de la esperantista presaro. Ni sendos La Suno Hispana.

**Svisujo.**—La gazeto «Esperanto» de la 27a lasta Februaro komencas la publikigadon de la nomaro de Konsuloj de Esperanto en Francujo.

La citita numero de nia estimata kolego enpresas bonegan artikolon titolitan «El Esperanto y la Ciencia» en franca, angla, germana kaj hispana lingvoj.

**Bohemujo.**—En Praga, Plzen, Budejovice, oni laboras multe kaj senĉese por la divastigo de Esperanto.

Novaj grupoj formiĝis en Nachod, Reckovice.

† Glora bohema lingvisto Ĉenek Ŝerci mortis. Antaŭ lia morto li sciigis sian favoran opinion pri Esperanto kaj kiel por tion fari, sendube li lernis la regulojn de la gramatiko kaj li ne povis nescii la radikojn, tial ke li posedis 45! lingvojn: ni perdis gravan esperantiston kaj sciencan samideanon.

**Amerika Unuigitaj Statoj.**—La eksterordinaraj penoj de «Amerika Esperantista Asocio», bonege sukcesis. La starigitaj grupoj ne ĉesigas ilian laboron kaj novaj grupoj fondiĝis en 11 malsamaj urboj.

**Rusujo.**—Nia kara kolego «Esperanto» en numero Februaro lasta, enpresis leteron kiun la 27an Aprilo adresis grafo Leono Nikolao Tolstoj al kelkaj esperantistoj kiuj petis al li opinion pri nia triumfanta lingvo. Jen estas la lastaj vor-

toj de la letero de la maljuna kaj respektinda scienculo:

«Kaj tial, la lernado de Esperanto kaj la vastigado de ĝi, estas sendube kristana afero, kiu helpas al la kreado de la Regno de Dio, tiu afero, kiu estas la ĉefa kaj sola difino de la homa vivo.»

**Japanujo.**—En tiu lando Esperanto bonege progresas. Vicgrafo Hajaŝi tiea ministro de Fremdaj aferoj,(1) estas varmega protektanto de nia internacia lingvo.

En Tokio okazos Industria Ekspozicio, je la fino de tiu ĉi monato kaj la Japana esperantistaro, tiel kora kiel ĉiuj la esperantistoj el la mondo, donas sin al la vizitontoj esperantistoj kaj korege diras al ili en sia organo «Japana Esperantisto» karaj gekunfratoj, konvenu! Ni atendas vin.

**Nova Zelando.**—La Ministroj S.[roj] Josefo Ward prezidanto, kaj G. Fowlds de Publika Instruado, estas protektantoj kaj admirantoj de nia afero; ili konsideras deca(1) la instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj kaj la esperantista societo en Aucklando klopodas por atingi tiam gravan sukceson.

**Hispanujo.**—Esperantismo povas esti tre ĝojema en Hispanujo, ĉar la nuna Ministro por la Internaj Aferoj, lia Moŝto S.[ro] Johano La Cierva estas, kiel niaj legantoj jam konas, unu el la gravegaj personoj kiuj kunmetas la Patronadan Komitaton de Esperanto en Hispanujo. Ankaŭ en Valencio estis nomata Urbestro per Reĝa Ordono, nia samgrupano kaj bonega amiko S.[ro] Josefo Martínez Aloy, kiu tre lerte konas Esperanton. Ni tutkore deziras al ili multajn feliĉaĵojn dum la funkciado de ilia grava ofico.

† La edzino de nia kungrupano sinjoro Emanuelo Davaliñas mortis. Nian plej fratan kondolencon.

*San Sebastián.*—La nombro de la esperantistoj kreskas tie ĉi tre progreseme. 116 estas nun la tieaj samideanoj, kaj pli ol 200 en la tuta provinco. La Grupestro proponas al H. S. p. p. E. sian urbon por la universala Kongreso de 1909 kiu okazos en Hispanujo post tiu de 1908 kiu kunvenos en Germanujo. Ni tre laŭdas la fervoron de niaj nordaj samideanoj.

La ĵurnalo «La Voz de Guipúzcoa» malfermis siajn kolonojn por ke la esperantistoj eldonu ĉiusemajne artikuleton hispane kaj esperante verkitan sub la titolo «Notas Esperantistas».

*Sabadell.*—Ĉe la tiej fervoraj esperantistoj elvekis grandan entusiasmon la sciigo kiun publikigis la Sabadela presaro pri la ebla apero de monata gazeto espe-

(1) negocios extranjeros

**España.**—El esperantismo está de enhorabuena en España, pues el actual Ministro de la Gobernación, excelentísimo señor D. Juan La Cierva, es, como saben nuestros lectores, una de las importantes personalidades que componen el Comité de Patronato del Esperanto en España. También en Valencia fué nombrado Alcalde de real orden nuestro congrupano y buen amigo D. José Martínez Aloy, que conoce perfectamente el Esperanto. De todo corazón les deseamos mil felicidades en el desempeño de sus importantes cargos.

† La esposa de nuestro congrupano Sr. D. Manuel Davaliñas ha muerto. Nuestro más fraternal pésame.

*San Sebastián.*—El número de los esperantistas crece aquí en buena progresión: 116 son ahora los socios de este Grupo y más de 200 los esperantistas de toda la provincia. El presidente propone á la H. S. p. p. E. su ciudad para el Congreso Universal de 1909 que tendrá lugar en España, después del de 1908 que se reunirá en Alemania. Aplaudimos el fervor de nuestros compañeros del Norte.

El diario *La Voz de Guipúzcoa* ha abierto sus columnas para que los esperantistas publiquen semanalmente un artículo en español y esperanto con el título de «Notas esperantistas».

*Sabadell.*—Entre los fervorosos esperantistas de esta ciudad ha despertado gran entusiasmo la noticia que publicó la prensa local sobre la probable aparición

(1) procedente, conveniente

rante verkita. Tio estus ja granda elpruvo de la esperantismo de tiu ĉi grava urbo.

*Santa Cruz de Tenerife.*—Dank' al senĉesa laborado de S.ro Eladio González Rivero, ĵus fondiĝis Grupo esperantista de Tenerife, kies komitato estas:

de una revista mensual escrita en Esperanto. Esto sería realmente una gran demostración del esperantismo de esta importante ciudad.

*Santa Cruz de Tenerife.*—Gracias al constante trabajo de D. Eladio González Rivero se ha fundado el Grupo esperantista de Tenerife, cuya junta es:

Prez., S.ro Juan Cambreleng; vicpr., S.ro Eladio González Rivero; sek., Julo López Méndez; kas., S.ro Eusebio Benítez de Lugo; bibliot., S.ro Vicente Pérez Bodría; voĉ., S.roj Manuel Barreto, Alberto Camacho, Miguel de Cámara.

S.ro Eladio González faras kurson en la loĝejo de la Grupo, kaj estas librejo esperantista de S.ro Vicente Pérez Bodría.

*Alicante.*—S.ro Mikaelo de Elizaicin komencis serion de paroladoj celantaj la lernadon de Esperanto. Li esperas ke baldaŭ fondiĝos Grupo. S.ro Francisco Flores Castillo helpas lin en lia laborado.

*Ubeda* (Jaén).—Granda movado favora al nia afero estas naskita tie ĉi dum la lasta monato. La sukceson pruvas la fondiĝo de la Grupo esperantista kies komitato estas:

D. Eladio González da un curso en el local del Grupo, y hay una librería esperantista de D. Vicente Pérez Bodría.

*Alicante.*—D. Miguel de Elizaicin ha comenzado una serie de conferencias encaminadas á la enseñanza del Esperanto. Espera que pronto se fundará un Grupo. D. Francisco Flores Castillo le ayuda en su labor.

*Ubeda* (Jaén).—Gran movimiento favorable á nuestra causa se ha desarrollado durante el pasado mes en esta localidad. El éxito está demostrado con la fundación del Grupo esperantista, cuya junta es:

Prez., Pro. Juan G.a Martín; vicp., S.ro José Carrión G.a; sekr., S.ro Juan de Dios Vico Tamayo; vicsek., S.ro Luis Martínez G.a; bibliot., S.ro Pedro Sáez Martínez; kas., S.ro Mateo Rubio Roa; kalk., S.ro Ramón Ruíz Monerri; voĉd., S.roj Manuel Sánchez G.a kaj Miguel Salas Blanca.

*León.*—S.ro Claudio Carro skribis al ni ke li komencis grandan laboradon pri la propagando de Esperanto en tiu ĉi ĉefurbo, kie ĝis nun ankoraŭ ne estis eĉ unu samideano. Ni tre varme deziras ke S.ro Carro ne malkuraĝiĝu en sia homara entrepreno.

*Madrid.*—La semajna revuo «Iris de Paz» komencis enpresi serion de bonaj artikoloj pri Esperanto, kaj S.ro Charles W. Sax, Direktoro de Lernejo de Fremdaj Lingvoj, demandis nin tre interese pri profesoro de Esperanto por sia kolegio.

*León.*—D. Claudio Carro nos ha escrito que ha comenzado una gran campaña en la propagación del Esperanto en esta capital, donde hasta el presente no teníamos ni un solo esperantista. Deseamos ardientemente que el Sr. Carro no desmaye en su humanitaria empresa.

*Madrid.*—La revista semanal *Iris de Paz* ha iniciado una serie de buenos artículos sobre el Esperanto, y el señor Charles W. Sax, director de una escuela de Lenguas Extranjeras, nos ha preguntado con mucho interés por un profesor de Esperanto para su colegio.

# Bibliografio

*Ili estis frenezaj* de Octave Mirbeau kaj *Ruĝa rido* de Leonid Andrejev, el franca kaj rusa lingvoj kun permeso de la aŭtoroj tradukis Louis Segretinat kaj Tjodor Avilov.—Paris. Presa Esperantista Societo. 33, rue Lacépéde.—Prezo: 1 fr. 50.

Ĝi estas la 5ª volumo el la libraro pacifisma eldonata de la societo «Pacifisto». Oni ne povas diri, kiu el la du rakontoj estas pli korŝiranta kaj terura, ĉar ambaŭ estas indaj okupi lokon en la pacifisma bibliotekisto; nur ni bedaŭras en tiuj verkoj la malseverecon de la eldonintoj publikigantaj verkojn ne korekte tradukitajn, kiel ili mem rimarkas; tio povas ŝajnigi, ke por esprimi iajn nuancojn ne taŭgas la korekta stilo. La kuntiritaj formoj uzataj en *Ruĝa rido* ne estas laŭdindaj kaj pro tio mem, ke la tradukinto montras plenan scion pri nia helpa lingvo, ni estas devigataj diri pri tio nian opinion. Esceptinte tion, la verko estas rekomendinda kaj—ni konfesas tiun strangaĵon—ĝin ni legis plezure kaj plorante.

*Worterbuch Eeperanto-Deutsch* von Hermann Jurgensen.—Esperanto Verlag Moller & Borel, Prinzenstrasse 95. Berlin.—Prezo 2 markoj, bele bindita 2 mk. 50.

Tiu ĉi dua eldono de la Vortaro Esperanta-Germana enhavas multe da novaj radikoj. Pri ili, jen kion diras D.ro Zamenhof mem en ĝia antaŭparolo:

«Pri ĉiuj vortoj, kiuj ne estas troveblaj en la verko *Fundamento* de *Esperanto* devas decidi la Esperantistoj mem (kion eble kun helpo de la *Lingva Komitato* elektita en la Bulonja Kongreso). Sed se oni deziras scii, kian tradukon *mi persone* rekomendus por tiu aŭ alia vorto, kaj la ekzistantaj vortaroj en aliaj lingvoj ne donas klarigon por tio ĉi, aŭ se ekzistas ia reciproka malkonsento inter la traduko de la sama vorto en diversaj vortaroj kaj oni deziras scii, kiun formon mi persone rekomendas elekti,—mi konsilas (ĝis la *Lingva Komitato* donos alian decidon) serĉi en la vortaroj esperanta-germana kaj germana-esperanta eldonitaj de la firmo Esperanto Verlag Moller & Borel, ĉar tiuj ĉi vortaroj estas redaktataj de mi mem.»

Ni altiras la atenton de niaj legantoj al la suprekopiitaj vortoj de nia Majstro, kiuj aljuĝas veran gravecon al tiu vortaro. Nur estas dezirinde ke niaj germanaj amikoj, klarigu esperante kaj per esperantaj ekzemploj la ĝustan tradukon de la novaj radikoj troveblaj en ĝi, ĉar fidante al vortaroj germana-hispanaj oni povas fali en grandan malkonsenton.

*Tra Mez-Afriko*, parolado kun projekcioj farita de komandanto Ch. Lemaire ĉe la dua Universala Kongreso de Esperanto en Genevo la 1an de Septembro 1906;—libro kartone bindita kun multaj fotografaĵoj.—Bruges (Belgujo). A. J. Witeryck eldonisto, Nouvelle Promenade, 4. Prezo: 2'50 frankoj; luksa ekzemplero 3 frankoj.

«Modelo de l'estontaj eldonaĵoj» nomas la aŭtoro tiun ĉi luksan verkon, ĉar ĝi estas dulingve presita; la francan tekston oni legas sur la maldekstraj paĝoj, la esperantan—sur la dekstraj. Tiel oni faros ĉiuloke post la baldaŭa triumfo de Esperanto; la aŭtoroj mem tradukos siajn verkojn (kiu plej bone povas fari tion?) kaj oni estos certa pri la traduk-fideleco.

Komandanto Lemaire, nia bravega kunbatalanto, faris la unuan publikan paroladon en nia lingvo kaj lia sukceso estas notinda; la aplaŭdado meritita, kiun li ricevis pro ĝi ĉe la Kongreso, kuraĝigis lin por ĝia publikigo, kaj la verko estos kun plezuro legata de ĉiuj esperantistoj; de la kongresanoj pro la rememoro de tiuj agrablaj momentoj; de la nekongresanoj pro la intereso, per kiu komandanto Lemaire sciis drapiri sian rakonton. Cetere la vivado en Mez-Afriko, detale priparolita, ĉiam estas interesplena kaj instrua, ĉar ĝi estas lando ne multe konata de Eŭropanoj.

Jam komandanto Lemaire estas denove en Afriko; ni plejkore deziras al li bonfarton kaj esplorajn sukcesojn.

*Blinda Rozo*, de Hendrik Conscience, esperantigita de S.ino Edm. Van Melckebeke—Van Hove.—Eldonisto: A. J. Witteryck, Nouvelle Promenade, 4, Bruĝo (Belgujo).

La tradukintino de tiu verko (unu el la plej ŝatataj rakontoj de Conscience, fama verkisto flandra) troviĝis sur la unua vico de niaj kuraĝaj kunbatalantoj; ke tio ne estas trolaŭdo oni povas pruvi per la eleganta stilo kaj korekteco de tiu tradukaĵo. La nekompatema morto forŝtelis ŝin en la ĵus pasinta jaro, sed ŝia filo, D.ro Raym. Van Melckebeke nun plenumas filian devon, publikigante ŝian laboron. Niaflanke laŭ peto elmontrata de ŝia filo en la antaŭparolo, ni akceptas la verkon ne nur «kiel humilan sed bonodoran floreton elprenitan el la literatura floraro de nia flandra lando», sed ankaŭ kiel memoraĵon de unu el nia plej entuziasmaj fratinoj.

*Kelkaj floroj esperantaj*, agrablaj legaĵoj kun multaj ilustraĵoj de A. J. Witterych. —Nouvelle Promenade, 4.—Bruges (Belgujo). Serio 1.a Numeroj 1.a, 2.a kaj 3.a— Prezo de ĉiu numero, 0'25 frankoj.

S.ro Witterych deziras gajigi la esperantistaron; la plej bona kuracilo por forigi la enuon estas en liaj broŝuretoj, kaj per 25 centimoj, kiu ne volas esti preta kontraŭbatali la malbonhumorecon? Ni rekomendas al niaj legantoj, ke ili aĉetu unu numeron; tiu ĉi rekomendos la alian.

*Le Congrés Espérantiste de Geneve*, verkita france de E. Boirac.—Paris. Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy.—Prezo, 40 centimoj.

En tiu ĉi broŝureto, la prezidanto de nia Lingva Komitato, prezentas artikolon enpresitan en *Revue Pédagogique* de la 15a de Decembre 1906 pritraktantan la sukceson de la Geneva Kongreso kaj la nunan staton de nia afero. Ĝi do perfekte taŭgas kiel propagandilo inter franclingvanoj.

*Sinjoro Badin* sceno el la skriboficeja vivado; unuakta komedieto de Georges Courteline kaj tradukita el franca lingvo, kun permeso de la aŭtoro, de S.roj René Beck kaj Rhymond Jean.

S.roj Bech kaj Jean prezentas gajan teatraĵon, kiu povas esti ludata sukcesplene en la grupaj kunsidoj. La prezo estas: 1 ekz. 25 centimoj; 25 ekz. 5 frankoj; 50 ekz. 9 frankoj; 100 ekz. 16 frankoj.—Ĉiam afrankite; oni akceptas poŝtmarkojn laŭ efektiva valoro. Oni sin turnu al S.ro Raymond Jean, 17 rue des Halles, Tours (Franclando).

*Praktikaj Komercaj Leteroj* (Practical Business Letters) verkitaj kaj tradukitaj de S.roj J. C. O'Connor kaj P. D. Hugon.—Oni sin turnu al S.ro Guilbert Pitman, 86 kaj 87, Fleet Street, London, E. C.

Vere, la adjektivo «praktikaj» estas ĝuste uzata en la titolo, ĉar la verko prezentas plenan komercan leteraron pri ĉiuj eblaj aferoj. Ĝi estas la unua parto de granda komerca verko, kaj enhavas: I. Ĝeneralaj sciigoj, komercplaca taksaro.—II. Petoj por prezmontroj, specimenoj, k. t. p.—III. Respondoj al informpetoj, mendoj pripetataj, proponoj de servoj. k. t. p.—IV. Peto kaj dono de referencoj.—V. Leteroj pri konatigo kaj de kredito.

Ĉar ĝi estas dulingve verkita (angle kaj esperante) ni konfidas, ke ĝi disvastigos nian lingvon ĉe la komercistaro ĉiulanda kaj precipe ĉe la angla, kie nun jam troviĝas multaj esperantistoj.

R. Duvos.

# Korespondada fako de "La Suno Hispana„

**SINJOROJ:**

O. A., Santoña'o.—C. y U., Reus.

Por acuerdo del Grupo esperantista de Valenciia, propietario del periódico, nos está prohibido servir suscripciones sin haber recibido su importe anual de 3 pesetas.

—J. R., Palma.

Ricevinte vian ĝentilan leteron 11-2-7 kaj 1'50 pesetojn, ni plenumis viajn dezirojn.

—T. Ch., Tuy.

Ricevita via letero 21-2-7 kaj 5'35 pesetojn. Dankon.

## NOVAJ ANOJ DE H. S. P. P. E.

*Santa Cruz de Tenerife:* 755, Fernando Guezala; 756, Héctor de Armas; 757, Joaquín Cola; 758, Mercedes Pinto de Armas; 759, Ulises Guimerá; 760, Heriberto Días Lopez.—*Valencia:* 761, Angel Novejarque Iranzo.—*San Fernando* (Cádiz): 762, Rafael Velasco Pose; 763, Arturo Duboy Cámpora; 764, Luis Chacón Suárez.—*Denia:* 765, José Hervás Millán.—*Zaragoza:* 766, Rafael Benítez.—*Simat:* 767, Salvador Jorge Ferrer; 768, Salvador Solanes Jorge.—*Huelva:* 769, Celestino Picón; 770, Manuel Mora; 771, Salvador Martín Salvá; 772, Agustín Gómez Gabriela; 773, Francisco Pérez Pérez; 774, José Cantero Aroba.—*Coruña:* 775, Sergio Andión; 776, Antonio Corzanego; 777, Mauricio Farto; 778, Alfredo de la Fuente; 779, Eugenio G.ª Sánchez; 780, Ramón López de Vicuña; 781, José Rodríguez Ronco.—*Vigo:* 782, Antonio Bravo González.—*Tarragona:* 783, Samuel Cervera.—*San Sebastián:* 784, Julio Garrido; 785, Miguel Pérez Alcorta; 786, Alberto Velasco; 787, Fernando Redondo; 788, Angel Garrido; 789, Angel Digon; 790, Martín Heredia; 791, Antonia de Digon; 792, Jesús Corona; 793, Clemente Ufano.—*Ferrol:* 794, Saturnino Montalbo; 795, Ricardo Neira; 796, Francisco López Suárez.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

*P. Jokarko*, sperantisto 12.492, urbo Enisejsk (Jenisejsk) St. Bolŝaja n.º 42 deziras korespondadi pri diversaj aferoj.

Li skribas en gazetoj kaj ankaŭ okupas sin en elektro-meĥaniko. Ŝatas al li la ludŝakon.

*S.ro G. García*, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun alilandaj esperantistoj. Ĉiam tuj respondos. Lia adreso estas: San Vicente, 6, *Valencia* (Hispanujo).

## KANPLEKTAĴOJ BOHEMAJ, HEJME PRODUKTATAJ

En la bohema urbo Bakov n. Jiz. ĉirkaŭ 800 da homoj plektas tre belajn produktojn multspecajn el kano Typha kaj el basto: Banpantoflojn, malpezajn ŝuojn, ĉapojn, tropikveterajn kaskojn, surmurajn matojn, mankorbetojn kaj multajn aliajn utilajn objektojn.

En Bohemlando ekzistas kelke da fakoj hejmindustriaj, kiujn oni praktikas dum la vintra sezono, ĉar dum la somero la kampananoj terkulturas; tia industrio estas ankaŭ la kanplektado, kies administrado estas en la manoj de kelkaj komercistoj-

ekspedantoj. Ili liveras la materialon al laborantoj kaj pagas al ĉi tiuj la laboradon; ili vendas la pretigitajn objektojn kaj estas do agentoj, eksportante multe da komercaĵo alilanden. Pli ol du trionoj de ĉiuj produktoj oni dissendas al vendejoj alilandaj, precipe al amerikaj kaj germanaj. Nur ĉirkaŭ unu trionon oni konsumas hejme.

Estas tre interesa observi la plektadon tiel lerte praktikatan de niaj kamparanoj. Antaŭ ĉio oni kunplektas fibrojn kanajn en la formon ŝnuran, ĉirkaŭ du futojn longe. Ĉi tiujn ŝnurojn oni klasigas laukvalite, ilin kunligas en ligaĵojn kaj surskribas etiketojn. Farante mankorbetojn, oni ilin aŭ plektas sur lignaj tabuletoj kiel fundoj, aŭ tute el kanfibraj ŝnuroj mane kunkudritaj.

Ĉiuj objektoj estas vere malkaraj. Ekzemple por unu paro da ordinaraj ŝuoj ricevas la plektisto 20 helerojn, por luksaj objektoj ĝis 2 kronojn 70 helerojn. En ĉi tiu industrio partoprenas tutaj familioj; la viroj helpas al siaj familianoj, reveninte de kampoj aŭ post aliaj laboroj. Eĉ junaj infanoj devas diligente plektadi, ĉar oni profite sekvas la devizon imperiestran «Viribus unitis» t. e. «Per kunigitaj fortoj». Alie la gajno estus tre malgranda; lerta plektisto devas 50 metian ŝnuron trioblan fari almenaŭ 3 horojn. Granda malhelpaĵo por la industrio estas la konstante kreskanta kareco da materialo, kiun liveras precipe la sudaj partoj de Bohemlando, kie estas grandaj fiŝlagetoj; estas tre malfacile konkuradi kun produktoj el lokoj pli favoraj koncerne la prezon da materialo. Sed esperebIe la afero pliboniĝos, dank'al la modela laborejo, fondita de la registaro. Al komercistoj ĉiulandaj ni povas vermege rekomendi la firmon *Kulŝtrunk kaj K.º* en *Bakov* n. Jiz., kies estro eltrovis novan, tre profitan pakmanieron por kanplektaĵoj, per kiu oni ŝparas kvaronon ĝis trionon da transsendmono. La firmo estas ĉiam preta alsendi sian bele ilustritan prezaron al ĉiuj demandantoj komercistoj.—*Esperantigis* J. F. KHUN.

---

**Al la Esperantistoj Sportistoj!**—La franca ĉiusemajna revuo *Tous les Sports*. (Ciuj Sportoj) oficiala gazeto de la *Unuiĝo de la Societoj Francaj de Sportoj Altetaj*, enpresas regule kronikon en Esperanto pri la ĉefaj aportaj okazintaĵoj. Tio estas *tre grava* por la disvastigo de Esperanto en la Sportestaro ĉar la U. S. F. S. A. regas sur pli ok mil societoj kaj almenaŭ 100.000 atletojn.

1.º *Louis de Guesnet,* kiu verkos tiun kronikon treege petas korespondantojn kompetentajn en ĉiuj landoj por sendi al li sportajn sciigojn kaj elekti la necesajn teknikajn vortojn kaj esprimojn pri la diversaj sportoj. Sin turni senfrere al li Esperanta Konsulejo, *Chartres*, Francujo.

---

**GRAVA SCIIGO!**—*Tutmonda Esperantista Poŝkalendaro por la jaro 1908ª*
En la fino de l' nuna jaro la firmo Esperanto Verlag Moller & Borel, Berlin eldonos tutmondan esperantistan Poŝkalendaron por la venonta jaro. Ĝi enhavos en praktika kaj oportuna formato kaj aranĝo interesan materialon por Esperantistoj, diversajn sciigojn internaciajn, kiujn oni alie devas serĉi en multaj apartaj verkoj: tabelojn, adresojn k. t. p.

Ni supozas, ke la tekstoj plene kontentigos ĉiujn Esperantistojn, kiuj volas ĉiam tuj sciiĝi pri kelkaj necesaj faktoj tuŝantaj la esperantan aferon aŭ havantaj signifon internacian en klara, pririgardebla maniero. La redaktadon prenis sur sin S.ro J. Schroder, Wien, VII. Kaiserstrasse 10, kiu volonte akceptos proponojn aŭ dezirojn de nia legantaro por tin ĉi celo kaj plenumos ilin laŭ ebleco.

Ni insiste petas ĉiujn grupojn, klubojn, konsulejojn aŭ informejojn, sendi la precisajn adresojn al la nomita redaktoro, samtempe la hoteloj kaj firmoj, kiuj uzas Esperanton parole aŭ skribe, estas petataj sciigi lin pri tio.

Anoncoj por la Kalendaro estas akceptataj jam nun de Esperanto Verlag Moller & Borel, Berlin S., Prinzenstr. 95. La prezo de l' Kalendaro estos malanta, tial ke ĉiu Esperantisto en la mondo povu aĉeti ĝin.